# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Julio n-ro 7/2008

Malferma cerimonio

## 43A BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO: EN PACO!

El la ĵus okazinta (12a-16a de julio) tutlanda evento, en la bela Fortaleza/CE, ni povas elpreni plurajn konkludojn, sed pri unu ĉiuj samideanoj konsentas: certe nia brazila movado havas gravajn mankojn, sed ĝi fluas pace! Tion montris la amika, simpatia etoso, en ĉambroj de Fakultato de Beletro de Federacia Universitato de Ceará (danke al la prestiĝo de Prof-ro José Leite Jr., aktiva LKK-ano, kiu tie laboras). Samtempe okazis Kongreso de Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO) kaj Infankongreseto. Entute enskribiĝis 330 homoj; ĉeestis manpleno da eksterlandanoj (el Japanio, Argentino, Germanio, Usono, Belgio), kiuj aparte ĉarmis la kongreson. Ne eblas kompleta raporto pri la tuta, varia, ampleksa programo, ni do mallonge raportu pri kelkaj el la programeroj.

Ĝenerala Asembleo

**MALFERMO** okazis en bela aŭditorio de la Rektorejo, kun ĉeesto de reprezentanto de la Universitato kaj Urbkonsilanto. Solene malfermis la Kongreson Prezidanto José Passini kaj festparoladis Prof-ro José Leite Jr.. Oni kanzonis, infanoj ludis emociigan teatraĵon kaj oni kortuŝe omaĝis pioniron de la loka movado – Paulo A. Cardoso. Neide B. Rego (RJ) bele kantis.

Kongresa temo

**KONGRESAN TEMON** ("Infano – kia grundo!") oni prezentis dum tri sesioj, sub reĝisorado de D-ro Ivaldo A. Souza. Enkondukis la temon al la publiko ankaŭ Ursula/Giuseppe Grattapaglia (kun filmo pri Bona Espero, okaze de vizito de la nepo de Zamenhof) kaj José M. Marques (kiu aparte emfazis la hejman uzadon de Esperanto). Sekvis viglaj diskutoj.

**DISKONIGADO**n kiel apartan temon prezentis grupo el Brasília, dum tri sesioj, ĉefe pere de Francisco Mattos, eksprezidanto de BEL. La grupo proponis helpon al nia Ligo, per profunda, riĉa materialo por informado pri Esperanto en Brazilo. Ili invitis la tutan esperantistan komunumon plivastigi la grupon kaj aliĝi al tiu grava iniciato. La Estraro de BEL decidis okazigi apartan kunsidon nur pri tiu afero, en alia dato, por starigi praktikajn agadliniojn. La publiko varme aprobis.

**BEJO** aktive kongresis, elektis novan estraron kaj aljuĝis la premion "BEJO-ataŝeo" al Dominique V.C. Santos. La Prezidanton, Felipe O. Queiroz kaj la tutan grupon da BEJO-aktivuloj oni aplaŭdegis ĉe la ferma kunsido.

**INFANKONGRESETO** bonorde okazis, kaj infanoj prezentiĝis surpodie en la malferma kaj fermaj ceremonioj.

Meso fare de germana pastro

**PRELEGOJ, KURSOJ KAJ EKZAMENOJ**, en baza kaj progresiga niveloj, okazis en pluraj ĉambroj, tiel ke la tuta kongreso fakte montriĝis kiel impona kultura evento.

**RELIGIULOJ**: dufoje Pastro Peter Knauer (Germanio/ Belgio) celebris meson en Esperanto. Li ankaŭ brile prelegis pri "Kredkonfeso por nia tempo". Spiritistoj kunsidis trifoje kaj eldonis novan numeron de "Almanako Lorenz".

**ARTAJ VESPEROJ** okazis dufoje kaj dancvespero unufoje, en nokta klubo ĉe "Plaĝo Futuro".

**VIRTUALA KONFERENCO** okazis dum la kongreso, en kontakto kun la Tut-Amerika Kongreso Esperanto, kiu okazis samtempe en Kanado. Oni reciproke salutis kaj raportis.

**JARLIBRON DE BEL-2008** ĉiuj kongresanoj ricevis, krom la nova numero de "Brazila

## 43º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO: EM PAZ!

Nosso movimento pode ter falhas, mas transcorre em paz. Assim o demonstrou o último Congresso, na bela Fortaleza/ CE, de 12 a 16 de julho. Em salas da Faculdade de Letras da Universidade do Ceará, juntamente com o Congresso da Juventude Esperantista Brasileira e o Congressinho da Crianças. Entre os 330 inscritos, estrangeiros (Japão, Alemanha, Argentina, Bélgica, Estados Unidos) deram um toque internacional ao evento.

**A ABERTURA** transcorreu no Auditório da Reitoria, ao ar livre, com discurso do Prof. José Leite Jr., música , teatro com crianças e homenagem ao pioneiro local Paulo A. Cardoso.

**O TEMA DO CONGRESSO** ("Criança – que terreno fértil!") foi apresentado em três sessões, por I.A.Souza, U./G.Grattapaglia, J.M.Marques.

**DIVULGAÇÃO** do Esperanto foi tema de três seminários, preparados por grupo de Brasília, com apresentação de F. Mattos, ex-presidente da Liga. O grupo convidou a toda a comunidade Esperantista a somar esforços e auxiliar a Liga a divulgar nosso movimento. A Diretoria decidiu marcar evento em outra data, para tomada de posição efetiva.

**A JUVENTUDE ESPERANTISTA** elegeu nova diretoria e conferiu mais uma premiação "Adido Cultural da BEJO" a Dominique V.C. Santos .

**O CONGRESSINHO DAS CRIANÇAS** transcorreu bem, com apresentações dos pequenos ao público na abertura e encerramento.

**PALESTRAS, CURSOS E EXAMES PARA DIPLOMAÇÃO** tornaram o Congresso verdadeiro evento cultural.

**RELIGIOSOS** tiveram seus encontros: 2 missas em Esperanto (Pe. Peter Knauer, da Bélgica, que também fez palestra) e 3 encontros dos esperantistas espíritas.

**HORAS DE ARTE E DANÇA** foram momentos de pura diversão.

**CONFERÊNCIA VIRTUAL**, em contato com o Congresso Panamericano que transcorria simultanemente, no Canadá, atraiu muitos participantes.

**Aktualigu vian adreson por daŭre ricevi nian bultenon! Sendu al ni adresojn de viaj amikoj, samcele!**

**Atualize seu endereço! Mande-nos os endereços dos amigos!**

BEL informas
Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br
Redaktas: Paulo Sergio Viana, JuLio n-ro 7/2008

Esperantisto" kaj kajero "BEL-Konferencoj 2008", kun la prelegoj okazintaj en februaro, en Lorena/SP.

**FERMO**, en etoso de emocia paco, okazis post Ĝenerala Asembleo, kiu fluis en mirinda harmonio kaj kunlaboro. La Lokan Kongresan Komitaton ĉiuj varme dankis per varma aplaŭdego. Ĉe la fermo, Angela Faria, el Juiz de Fora/MG, prezentis filmon pri ĉi tiu urbo, kie okazos la proksima Kongreso, kaj akceptis la verdan flagon. Ĝi atendas nin denove, en 2009! Ĉu vi jam enskribiĝis?

Ferma cerimonio

## J. PASSINI AKTIVE PARTOPRENIS RENKONTON EN MINAS

La 29-an de junio, li ĉeestis kaj informis pri la agado de BEL en SUMIRE (Sud-Minasa Renkontiĝo de Esperanto), en la urbo Alfenas, kun partopreno de reprezentantoj de pluraj urboj en la regiono.

## ANONCITA PROGRAMO DE LA PROKSIMA "ZOMAER"

Je la 14-a de septembro, en la urbo Ubá / MG, okazos la II-a Zona da Mata Esperanto-Renkontiĝo, kun la temo "Esperanto: kiel efike disvastigi ĝin?". La programon kaj aliajn informojn petu de wanerma@yahoo.com.br.

## ĴURNALO "TRIBUNA DE MINAS" MENCIAS ESPERANTON

Per sia eldono de 09/07/2008, la prestiĝa ĵurnalo informis, ke la aktiva Esperantistino Nazaré Laroca partoprenos la 93-an Universalan Kongreson de Esperanto, en Nederlando, kun gastiĝado ĉe lokaj geesperantistoj. Ĝi anoncis ankaŭ la proksiman Brazilan Kongreson en la urbo Juiz de Fora/MG, en 2009.

## NOVA KURSO DE ESPERANTO EN PERNAMBUCO

Jam 30 jarojn la Spiritisma Asocio en tiu Ŝtato okazigas kursojn kaj apogas la lokan movadon, kunlabore kun la neŭtrala loka asocio. Novaj klasoj nun malfermiĝas. Informis Wendel Pontes, kiu rekomendis viziton al http://federacaoespiritape.org/?p=262.

## LANĈITA NOVA KANZONDISKO EN RIO

Per la programo "Esperanto, a Língua da Fraternidade", de Radio Rio de Janeiro, je la 17-a de junio, kantistino kaj komponistino Dirce Salles lanĉis sian diskon ***Almenaŭ***, kiu enhavas kanzonojn en Esperanto kaj en la portugala lingvo.

## ESPERANTO-RENKONTO ĈE "BAIXADA FLUMINENSE"

La evento okazos en la urbo Nilópolis/RJ, je 31/08/2008, R. Getúlio de Moura, 1175, Centro, kun la temo "Esperanto, Perilo por Kulturo kaj Paco". Informojn de danielpeliz@bol.com.br – Tel.: 9177-5971

## GERMANA ESPERANTISTINO VIZITAS BEL-SIDEJON

Úrsula Niesert, el la germana urbo Freiberg, ĉeestis gvidate de loka aktivulo Josias Barbosa, kaj akcepte de pluraj BEL-anoj.

**O ANUÁRIO DA BEL-2008**, a revista "Brazila Esperantisto" e o caderno das "BEL-Conferências 2008" foram distribuídos a todos os congressistas.

**O ENCERRAMENTO**, após Assembléia Geral, em plena harmonia, culminou com estrondoso aplauso à Comissão Organizadora e convite ao próximo Congresso, em Juiz de Fora/MG.

### PASSINI PARTICIPA DE ENCONTRO EM MINAS

Em 29/06/2008, em Alfenas, o Presidente da BEL informou sobre as atividades da Liga no Encontro de Esperanto do Sul de Minas.

### PRÓXIMO ENCONTRO DE ESPERANTO DA ZONA DA MATA/MG

O evento ocorrerá em Ubá, em 14/09/2008. Informações com wanerma@yahoo.com.br.

### "TRIBUNA DE MINAS" MENCIONA O ESPERANTO

O jornal anunciou a participação da ativa Esperantista Nazaré Laroca, de Juiz de Fora/MG, no próximo Congresso Universal de Esperanto, na Holanda.

### CURSO DE ESPERANTO EM PERNAMBUCO

Fedração Espírita de Pernambuco anuncia novos cursos de Esperanto e divulgação da Língua Internacional. http://federacaoespiritape.org/?p=26.

### NOVO CD EM ESPERANTO

No Rio, a cantora e compositora Dirce Salles lançou o novo CD "Almenaŭ" com faixas em Esperanto e em Português.

### ENCONTRO NA BAIXADA FLUMINENSE

Em Nilópolis, 31/08/2008, R. Getúlio de Moura 1175. Informações: danielpeliz@bol.com.brTel.9177591.

### ESPERANTISTA ALEMÃ VISITA A LIGA, EM BRASÍLIA

Úrsula Niesert, da cidade de Freiberg, Alemanha, visitou nossa sede.

**TRABALHANDO PELO ESPERANTO? MANDE NOTÍCIAS!**

**ĈU VI MOVADUMAS? INFORMU NIN PRI VIA AGADO!**

**PRÓXIMO ENCONTRO DO VALE DO PARAÍBA EM TAUBATÉ**
**31 de agosto de 2008. Informações com alcyr@vivax.com.br**